# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
Speciala Numero 11-a jaro N-ro 1 (40) marto 2012

## 10-jara jubileo: la projekto Ĝemelaj Urboj

## Enhavo



**<u>Kovrilfoto</u>: en Ĉinio ruĝa lanterno simbolas familian renkontiĝon, prosperon de entreprenoj, simbolas feliĉon, lumon, viglecon, perfektecon kaj riĉon. Okaze de gravaj tagoj, multaj festoj videlas ruĝaj lanternoj surpendataj en stratoj, magazenoj, parkoj, eĉ sur pordoj de grandaj konstruaĵoj kaj privataj domoj. S-ro Shang Ying helpe projektis ĉi foton laŭ ideo de la redaktoro.**

**Funkciuloj de la Projekto**
S-ro Probal Dasgupta , prezidanto de UEA
S-ino Maritza Gutiérrez González, estraranino de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang, komisiito de la projekto

**Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj**
Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun, Xinfu-qu, Qianjin-Lu, 45-hao, CN-113015, Fushun, Liaoning, Ĉinio; Tel kaj Fakso:+86-024-52650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de

*Niaj (eksaj) funkciuloj*

## La ĝemeliĝo de urboj kaj nia partoprenado en la historio



Tre ofte, kaj sendube ne tute malprave, ni ligas la ideon de la historio al nia pasinteco. Tamen estas fakte historiaj ĉiuj agadoj, per kiuj ni partoprenas en la fluo de la racia pluiro de la homaro, per kiuj ni kontribuas al la pozitiva kolektiva memoro. En niaj malfortaj, iom senpensaj momentoj ni akceptas, ke nur la faroj kaj malfaroj, per kiuj ŝanĝiĝis la landlimoj – la soldataj triumfoj kaj malvenkoj, gloroj kaj brutalaĵoj – kreas la historion. Fakte en tiuj momentoj ni cedas al la ideo, ke havus historion nur la militoj. Sed verdire ankaŭ la paco havas historion, kaj ni esperantistoj ŝlosile kontribuas al ĝi. Unu el niaj gravaj problemoj estas la kutimo nin kateni al aliulaj pensokadroj, kiuj malfaciligas al ni plenfide fari nian laboron. Ni tro ofte konceptas la pacon kiel mankon de militado.

Niaj instituciaj praktikoj de amikeco aparte kapabligas nin en fakoj de publika agado, kiujn la ordinara mondo pli kaj pli agnoskas. La ĝemeliĝado de urboj estas unu tia fako. Feliĉe, la senlaca diligentado de samideano Wu Guojiang sub la egido de Universala Esperanto-Asocio plialtigis la profilon de Esperanto en tiu ĉi sektoro de la internacia kultura agado. Al okulo serĉanta la tradician gloron videblas unuavice la grandaj urboj. Sed la urba ĝemeliĝo multe pli reliefiĝas ĝuste la mezgrandajn aŭ sufiĉe etajn urbojn, kie la komunumaneco de la ordinaraj homoj fariĝas multe pli konkreta sperto. Ĝi stimulas la loĝantojn en du urboj al persone ŝatata kaj esprimebla interamikiĝo. Tiuvoje la homoj en du ĝemeliĝintaj urboj per la simpla esprimado de sia plezuro voĉdonas por historio paca anstataŭ milita, kaj forvenas de la modelo tro alte taksanta la metropolojn kaj ilian regemon.

La nunan jubileon ni kaptu kiel okazon aparte kaj plenkonscie saluti la laborantojn, kiuj mobilizas nin al nova maniero kompreni la historion kaj nian kapablon kontribui al ĝi.

Probal Dasgupta
Prezidanto de UEA

## Ĝemelaj urboj kiel ekzemplo de sukceso en Esperantujo



Antaŭ pli ol 10 jaroj UEA serĉis volontulajn kunlaborantojn por pluraj agadoj. La respondoj ne estis impete multaj kaj kelkaj el la respondintoj respondis nur por diri, ke ili bedaŭrinde ne povas surpreni pli da laboro. Sed unu respondo estis tute bona. Ĝi venis de tre okupita homo en Ĉinio, Wu Guojiang, la nuna komisiito de la projekto Ĝemelaj Urboj.

Vere pravas tiu organiza diraĵo pri tio, ke "se vi bezonas helpanton, serĉu tre okupitan homon". Tra la lastaj 10 jaroj li starigis tutan sistemon de rilatoj en la reto kaj pere de revueto, kiun li mem redaktas, Informilo de Ĝemelaj Urboj, kaj kiun li disvastigas en ĉiuj eblaj manieroj. Ĉi tiu revueto nun havas sian 40-an numeron, kaj ni ĉiuj volas solene festi ĉi tiun okazaĵon.

La agado pri ĝemelaj urboj havis grandan prestiĝon inter la esperantistoj en jam malproksimaj jardekoj. Poste venis ondo de stagnado, ĝis kiam Wu Guojiang revivigis ĝin. Legantoj de ĉi tiu revuo certe memoras pri la sennombraj artikoloj aperintaj pri konkretaj kontaktoj inter la esperantistaro de kunlaborantaj urboj en la tuta mondo. Pli kaj pli komencas aperi urboj en Azio.

Kaj kompreneble taŭga spaco estis dediĉita al la mirakla Herzberg en Germanujo, la Esperanto-urbo, kiu

ankaŭ apartenas al la sistemo de ĝemelaj urboj.

La nova florado de ĉi tiu agado komplete ŝuldiĝas al Wu Guojiang. Pluraj homoj helpis lin pri konkretaj taskoj (ekzemple pri relegado de la revueto), sed li mem estas la motoro de ĉio.

Kiom el tiu sukceso estas ŝuldata al la proverba ĉina diligentemo, mi ne scias, sed certe Wu estas la ekzemplo de nova speco de komisiito de UEA, kiu ne nur faras, sed ankaŭ komunikas pri tio, kion li faras, kaj komunikas kun la "simplaj" agantoj tra la mondo.

Ĉiuj fidas lin kaj tio estas bona grundo por kresko de lia agado. Uzi Esperanton por la kontaktoj inter esperantistoj de kunlaborantaj urboj ne nur utilas por ekzerci Esperanton, sed ĉefe ĝi estas rimedo por montri al la urbestroj, urbaj funkciuloj kaj urbanoj, ke Esperanto estas vivanta lingvo, uzebla kaj uzata en ĉiuj partoj de la mondo.

Ankoraŭ multajn sukcesojn al Wu Guojiang kaj al la projekto Ĝemelaj Urboj!

Renato Corsetti
Eksa prezidanto de UEA

## La ĝemelurba agado per Esperanto estas vera popola diplomatio



Kara samideano, Mi kore gratulas vin pro la 10-jariĝo de la projekto Ĝemelaj Urboj! Jam pli frue ekzistis ĝemelurba agado, sed kiam vi fariĝis komisiito de UEA, vi donis al ĝi novan elanon per la aperigo de "Informilo de Ĝemelaj Urboj", kiu nun atingas jam la 40-an numeron.

Mi sekvis la ĝemelurban agadon kun granda intereso ne nur pro mia ofico sed ankaŭ pro propra sperto en Esperanto-societo de Oulu, Finnlando, antaŭ ĉ. 30 jaroj. Nia klubo aktive rilatis kun esperantistoj en kelkaj ĝemelaj urboj, precipe kun samideanoj en la ukraina urbo Odeso kaj la germanaj urboj Halle kaj Leverkusen. La urbaj aŭtoritatoj ofte subtenis tiun agadon per materialoj kaj monhelpo.

La ĝemelurba agado per Esperanto estas vera popola diplomatio, ĉar ĝi ebligas rilatojn inter ordinaraj homoj. Mi esperas, ke iam ankaŭ la oficialaj instancoj komprenos tion pli bone kaj sekvos nian ekzemplon.

Osmo Buller
Ĝenerala Direktoro de UEA

## Mia junula revo



Kiam mi estis juna kaj eniris Esperantujon io kio estis tre impresiga por mi estis ke la grupo de Vercelli (norditala urbo proksima al la mia) havis tre viglan esperantistan vivon. Fakte ĉiujare ili interŝanĝis vizitojn kun franca urbo kiel oficiala delegacio, ĉar tiu franca urbo estis ĝemelurbo de Vercelli, kaj esperantistoj havis aktivan rolon en tio.

Ha, kia bela ideo, kia bona utiligo de nia lingvo, ni povas helpi la aŭtoritatojn en la internacia komunikado kaj nia laboro estos rekonata.

Kaj pasis la jaroj, mia urbo ne estis tiom aktiva, poste mi translokiĝis al la plej granda itala urbo, kaj tie la aferoj estas preskaŭ neeblaj, ĉar pli malfacile oni atingas la "ĝustajn" homojn en la "ĝustaj" funkcioj, kompare kun eta provinca urbo.

Kaj en 2001, kiam mi ricevis la taskon de estrarano pri landa agado, mi klopodis verki laborplanon por mia laboro, kaj tiu ĉiama revo kompreneble eniris la laborplanon.

Sed… sed unu afero estas verki laborplanon, alia trovi la taŭgajn laboremajn homojn por ĝin realigi.
Kaj ĝuste en tiu periodo aperis el Ĉinio s-ro Wu Guojiang, kiu havis mian saman intereson.

La kontaktoj estis viglaj kaj mi konvinkis lin labori por UEA, kaj dum printempa estrarkunsido, en 2002, ni nomumis lin Komisiito pri Ĝemelaj Urboj.

Kaj neniam – dum mia dekdujara estrara deĵoro – ni nomumis pli taŭgan kaj seriozan Komisiiton.

S-ro Wu Guojiang tuj pretigis laborplanon kaj komencis verki cirkulerojn, kiuj iĝis bultenoj, sendataj tra la mondo, por instigi, konsili, la esperantistojn trovi vojon por iniciati ĝemelajn kontaktojn.

Li ankaŭ listigas la sukcesojn, la klopodojn, la anoncojn por trovi partnerajn grupojn tra la mondo, kaj multaj projektoj konkretiĝis dum la dekjara periodo de laboro de nia heroa Komisiito.

Nun en Esperantujo, dank' al klopodoj, al serioza laboro, al sindediĉo de s-ro Wu Guojiang, estas normale paroli pri tiu temo, kaj okazigi dum la Universalaj Kongresoj kunvenon pri tiu temo, ĉar, intertempe, li sukcesis konstrui reton da kunlaborantoj kiuj pretas helpi aŭ gvidi kunvenon kiam li ne povas ĉeesti.

Mi vere kaj elkore dankas s-ron Wu Guojiang pro lia dekjara laboro kaj por la realigo de mia junula revo!

Michela Lipari
Eksa estraranino de UEA

## Esperanto rolis en intertraktado pri establo de ĝemelurbaj rilatoj.



Mi tre malmulte spertis pri ĝemelaj urboj, sed mi volonte rakontus tiun malmulton. En 1988 okazis la Tutpacifika Esperanto-Kongreso en Brisbano, Aŭstralio, kie mi tiutempe loĝis. Mi estis ankaŭ la prezidanto de Aŭstralia Esperanto-Asocio, do ĉina delegitaro petis mian helpon dum la kongreso.

Mi bedaŭras, ke mi eĉ ne plu memoras la nomon de la ĉina urbo, el kiu venis tiu delegitaro. Ĉinio estis tiutempe vekiĝanta giganto, kaj ĉinaj urboj serĉis ĝemelurbajn rilatojn en aliaj landoj. Brisbano, tiam la tria urbo de Aŭstralio laŭ loĝantnombro, altiris la delegitaron. La celo: establi ĝemelurbajn rilatojn inter Brisbano kaj la hejma urbo.

Sed estis lingva problemo. Neniu el la delegitoj parolis angle. Do ili invitis ĉinan esperantiston (kongresanon) aliĝi al la grupo, kaj petis lin peri la konversacion kun la brisbanaj instancoj. Li faris tion, invitinte min interpeti esperante el la angla.

Do la iom kompleksa situacio estis tia: la ĉinaj delegitoj petis sian esperantiston diri ion; li transdonis al mi esperante, kaj mi pludonis angle al la reprezentantoj de Brisbano. La brisbananoj diskutis inter si kaj interkonsentis pri la respondo kaj diris al mi angle; mi tradukis en Esperanton por la ĉina samideano, kaj li pludonis ĉine.

Ne la plej rapida maniero interkompreniĝi, sed la afero funkciis. Bedaŭrinde tiu delegitaro ne sukcesis: la brisbananoj preferis la argumentojn de alia ĉina urbo! Sed almenaŭ estis interese, ke Esperanto rolis en tiu intertraktado.

Hodiaŭ, mi supozas, la ĉina urbo sendus belajn junulinojn, kiuj bone parolas angle ...

Trevor Steele
Eksa ĝenerala direktoro de UEA

## Ni devas fortigi la bazon por la ĝemelurba projekto




Inter la jaroj 2007 kaj 2010 mi estis estrarano de UEA respondeca pri la landa kaj regiona agado, kaj en tiu kampo troviĝas la ĝemelurba projekto. Bedaŭrinde s-ro Wu Guojiang, la ĉefrolanto de tiu projekto, ne povis partopreni en la UK-oj dum tiu periodo, do anstataŭ li mi prizorgis la kunsidon. Dume mi ekhavis pli da intereso pri tiu projekto. Mi iom skribis rilate al ĝi.

En la kunsidoj oni ofte demandis, kiamaniere oni povu trovi esperantistojn en la ĝemelaj urboj. Se temas pri la afero inter grandaj urboj, tio ne estas malfacila, ĉar certe oni povas trovi en Jarlibro de UEA aktivajn esperantistojn en ambaŭ urboj, sed temas pri malgrandaj urboj, tio estas malfacila. Ankaŭ mi provis trovi esperantistojn en la

ĝemelurboj de mia urbo, kaj serĉis la urbonomojn en Jarlibro - sed vane, nek troviĝis urboj najbaraj de tiuj. La unusola sukceso por mi temis pri itala malgranda urbo Orvieto, kiu havas ĝemelan rilaton kun mia urbo. Ne troviĝis la urbo en Jarlibro, do mi sendis leteron al s-ro Renato Corsetti, la eksa UEA-prezidanto, kaj li trovis esperantistojn loĝantajn en la sama regiono. Dank' al lia helpo kaj al tiuj esperantistoj, okaze de la UK en Firenze mi povis viziti la urbon kaj renkontis la urbestron, transdonante la mesaĝon de mia urbo. Tamen bedaŭrinde tio estis la fino de mia agado. Poste mi ne povis daŭrigi la rilaton, pro tio, ke mankis al mi pli da energio aŭ entuziasmo kaj ke tiuj esperantistoj ne estis loĝantoj de tiu urbo. Daŭrigi la rilaton en ambaŭ flankoj bezonas fortan volon kaj altan kapablon kun perspektivo.

Alia demando dum la UK-oj estis: kial esperantistoj en la ĝemelaj urboj ne respondas al ni, kvankam ni petis de ili helpon? Mi ne povas respondi al tiu demando ĝuste, sed eble ili estas maljunaj kaj ne volas labori en tiu kampo.

Respondante al tiuj demandoj dum la kunsidoj venas proponoj, ekzemple, ke UEA havu TTT-ejon pri tiu projekto kaj oni instalu TTT-ejon por ĉiuj ĝemelaj urboj en la mondo, ktp. Tiuj proponoj ŝajne estas bonaj, sed antaŭ tio pli grave estas fortigi nian bazon.

Mi jam gvidas en mia urbo Esperanto-klubon kaj instruadas Esperanton multajn jarojn. Mi agadas en Japanio kaj en la mondo, sed kun bedaŭro mi devas konstati, ke la nombro de esperantistoj estas malgranda kaj ke multaj "esperantistoj" estas "eternaj komencantoj", kiuj ne progresas multe, ne havante sufiĉan konon pri Esperanto, nek legante librojn, nek korespondante kun alilandanoj. Ĉu tiuj "eternaj komencantoj" havas intereson pri ĝemelaj urboj? Ĉu ili volas kaj povas labori por ĝemelaj urboj? La respondo estas, memkompreneble, ne. Do plej grave estas nutri esperantistojn kaj naski pli altnivelajn esperantistojn, kiuj volas kaj povos labori internacie. Ja, ni ĉiuj scias, ke tio estas la plej grava, sed ni ne scias, kiamaniere ni povu realigi tion.

Por respondi tiun demandon, mi prezentos miajn du projektojn. Mi jam de tri jaroj havas projekton: Esperanto-sumoo. Sumoo estas japana tradicia luktosporto, kies konkurso okazas ses fojojn jare en neparaj monatoj dum 15 tagoj. Mi ekpensis havi Esperanto-sumoon, paralele kun tiuj veraj sumoo-konkursoj. La maniero estas jena: antaŭ la komenciĝo partoprenontoj decidas, kiun libron kaj kiom da paĝoj ili legos por unu tago, kaj laŭ la irado de la vera sumoo, ili legos tiun kvanton el tiu libro. Se ili plenumos sian promeson ĝis la noktomezo de tiu tago, ili akiros unu venkon, se ne, unu malvenkon, kaj tiamaniere ili luktados/legados, ne kontraŭ aliaj luktistoj, sed kontraŭ si mem, nome kontraŭ sia promeso.

La unuajn tri konkursojn mi provis nur en Japanio, kaj poste mi disvastigis la ideon en la tuta mondo. La plej lasta okazis en tiu januaro, en kiu partoprenis 83 homoj el 16 landoj. Ili entute legis 5500 paĝojn. Ili tre volonte partoprenis en la sumoo, ĉar ili povis legi librojn dormantajn en sia breto kaj ili havis ĝuon kaj ĝojon legi Esperanto-librojn. Mi volas pligrandigi la nombron de la partoprenantoj al 250 ĝis la fino de 2012. Mi estas certa, ke se ni povos varbi 500, aŭ 1000, la movado ŝanĝiĝos. Se 500 homoj fariĝos diligentaj, konsciaj esperantistoj, ĉu vi ne pensas, ke tiam la movado de ĝemelaj urboj multe progresos?

Mia alia provo estas "Societo por parkere kanti la himnon La Espero". Ĉu vi povas kanti ĝin parkere? Mi demandis tion al "esperantistoj" dum la UK-oj, sed multaj forkuris, hontante pro sia senkapablo. Mi nur havas 38 sukcesintojn en la listo de la Societo. Ĉu tiuj senkapablaj homoj povas kaj rajtas nomi sin esperantisto? Ĉu ili povos bone kaj memfide gvidi lernantojn? La kapablo kanti la himnon parkere ŝajnas bagatela, sed ĉu vere bagatela? La himno estas la kerno de nia movado, do certe la kapablo kanti ĝin bone ne estas bagatela. Se ni havos 100, 500, 1000 parkerajn kantistojn, ĉu vi ne pensas, ke la movado ŝanĝiĝos?

Troviĝas esprimo "Fosi sian sulkon", sed kial oni ne fosas sulkojn, kampojn, kamparojn, urbojn, landojn kaj la mondon? Por la sukceso de la ĝemelurba projekto, ni fosu grandskale la mondon per la Esperanto-sumoo, parkera kantado de la himno kaj aliaj manieroj, kiujn vi mem kreos.

Hori Yasuo
Eksa estrarano de UEA kaj prezidanto de KAEM

*Modeloj priparolas nin*

## Informilo de Ĝemelaj Urboj estas forumo kaj informkanalo

Ni gratulas al vi okaze de 10-jariĝo de la projekto Ĝemelaj urboj. Via agado kaj la Informilo de Ĝemelaj Urboj estas gravaj por la Esperanto-movado, por ĉiuj, kiuj aktivas por disvastigi Esperanton, kiuj uzas la internacian lingvon por interurba, interkluba kunlaboro. La novaĵoj, la ekzemploj, raportoj el aliaj mondpartoj fortigas la klopodojn, la sentojn, ke indas la komuna agado por la intereso de la lingvo, por la intereso de la lingvouzantoj.




La samon ni spertis dum nia ĉ. 7-jara kunlaboro kun Góra en Pollando, la ĝemelurbo de Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo. Ni esperas, ke ankaŭ niaj komunaj atingoj estis kaj restas interesaj por aliaj urboj kaj ni ĝojas, ke la Informilo de Ĝemelaj Urboj estas forumo, informkanalo ankaŭ por ni, kaj raportoj povis aperi ankaŭ pri niaj projektoj.

Por la sekvaj jaroj, jardekoj elkore ni deziras al vi forton, senlacan pluan kunordigan agadon kaj sukcesojn por ĉiuj projektoj rilate al ĝemelaj urboj.

Kun koraj salutoj, bondeziroj,

Zsofia Korody kaj Peter Zilvar
Gvidantoj de Interkultura Centro Herzberg/Germana Esperanto-Centro
el Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo

## Kiel ni utiligis aferojn de ĝemelaj urboj por Esperanto



Tiu ĉi Informilo de Ĝemelaj Urboj (IĜU) estas jubilea numero pri sia 10-jariĝo. Mi elkore gratulas kun estimo s-ron Wu Guojiang pro lia senlaca redaktado. Foje kaj foje legante la bultenojn mi sentas lian energion kaj entuziasmon por antaŭenigo de la projekto komisiita de UEA.

Mi nomiĝas Nakatu Masanori, vicestro de Esperanto-Societo en Takatsuki (EST), kiu movadas en la urbo Takatsuki situanta meze inter la japanaj urbegoj Osaka kaj Kyoto kaj havanta pli ol tricent kvindek mil loĝantojn.

EST fondiĝis en 1966 iniciatite de eminentaj esperantistoj Tanaka Sadami (1907-1992), Nisikawa Toyozo(1910-2004), Takeuti Yosikazu (1931-2005) ktp. En la plej prospera tempo ni havis 63 membrojn kaj nun 35. La nomo de nia societo EST kelkfoje aperis en IĜU. En la rubriko Inter Ĝemelaj Urboj de la 1-a numero aperis la nomoj de geedzoj Takeuti. Ĝi montris, kiel ili agis antaŭ kaj post la ĝemeliĝo de la ĉina urbo Changzhou kun Takatsuki. EST aperis ankaŭ en la sama rubriko de la 11-a numero "Kunlaboro inter ĝemelaj urboj Changzhou kaj Takatsuki", 3-paĝa artikolo de s-ro Zhang Changsheng, prezidanto de Changzhou-a Esperanto-Asocio. Do multaj povus scii nian aktivadon pri ĝemelaj urboj.

EST okazigas ĉiujare elementan kurson kaj ĉiusemajne kunvenon por lernadi Esperanton, kaj partoprenadas en la Aŭtuna Kultura Evento de Urbo Takatsuki per Esperanto-ekspozicio. Ni alprenadas la tri aferojn kiel la principon por nia movado kaj okazigas ilin ekde la societa fondiĝo sen interrompo. Interalie ni traktas la ekspozicion grava por konigi al urbanoj kio estas Esperanto kaj kion ni povas fari per Esperanto. Krome ĝi havis la kaŝitan celon, ke la municipo eksciu la utilecon de Esperanto, ĉar la urbestro kaj urbaj gravuloj vizitas ekspoziciejojn aranĝitajn en la kultura evento.

Aktivado rilata al ĝemelaj urboj estas ofte montrita en nia ekspozicio kaj efikas, ke la municipo agnoskas

Esperanton kaj nian movadon. Kiam ni okazigis provincajn kongresojn de Esperanto en Takatsuki, la urbestro partoprenis ĝin kaj salutis al la kongresanoj. Unu ekzemplon vi povas legi en la 31-a numero. Kaj la municipo rezervis ĉambrojn en la Publika Domo bezonatajn por la afero.

**Pri EST kaj Ĝemelaj Urboj**

Mi resume prezentas, kiel ni aktivas por Esperanto utiligante aferojn de ĝemelaj urboj. Takatsuki oficiale ĝemeliĝis kun tri urboj en eksterlandoj, t.e. Manila en Filipinoj, Changzhou en Ĉinio kaj Toowoomba en Aŭstralio. Ĉiufoje, kiam ni komencis rilati kun esperantistoj aŭ Esperanto-organizo en eskterlanda urbo kontraktota pri ĝemeliĝo, ni havis la kaŝitan celon, ke ni montru la praktikecon kaj utilecon de Esperanto al la municio. Ni invitis esperantistojn el la tri urboj kaj ĉiufoje ni aranĝis por la invititoj respektan viziton al la urbestro aŭ aliaj urbaj gravuloj.

**Pri Manila**

Antaŭ ol la urbo oficiale ĝemeliĝis kun Manila en januaro de 1979, ni anticipe sciis pri tio kaj esploris ĉu tie ekzistas esperantisto. Ni trovis s-inon Pazz Makasaet. En majo de 1979 Urba Internacia Asocio organizis la unuan karavanon por viziti Manila. Tiam s-ino Takeuti Tomiko korespondis kun ŝi kaj aliĝis al la karavano. Ili renkontiĝis en Manila. Ŝi vidis, ke Pazz Makasaet kapablas paroli Esperanton ne flue, sed sufiĉe por komunikado. Ni invitis ŝin kaj ŝi venis sola al Japanio en aŭgusto de 1979.

**Pri Changzhou**

Aŭguston de 1986 s-ino Takeuti Tomiko, kiu sciis ke la urbo planas ĝemeliĝi kun Changzhou en Ĉinio, aŭdis kutime Esperantan elsendon de Ĉina Radio Internacia (ĈRI) kaj hazarde kaptis la novaĵon, ke en Changzhou fondiĝis Changzhou-a Esperanto-Asocio (CEA). Ŝi petskribis al ĈRI, por ke ĝi informu ŝin pri la adreso de CEA. ĈRI afable plenumis ŝian peton. Tiama prezidanto de EST, s-ro Nisikawa Toyozo, skribis al la prezidanto de CEA, s-ro Zhang Zhenzi. Tiel komenciĝis nia amika interŝanĝo, antaŭ ol la du urboj oficiale ĝemeliĝis en marto de 1987. Niaj membroj plurfoje, interalie s-ro Takeuti Yosikazu pli ol dekfoje, vizitis Changzhou, kaj dufoje delegacioj de CEA vizitis Takatsuki. Krome ni renkontiĝis kun CEA-anoj en internaciaj kongresoj en Azio.

EST kaj CEA havis instruistajn membrojn kaj dank' al ilia klopodo Dongfang-Elementa Lernejo (DEL) kaj Yosumi-Elementa Lernejo (YEL) de Takatsuki komencis interŝanĝon kaj poste oficiale ĝemeliĝis. La interŝanĝo ankoraŭ daŭras amike per kunlaboro de ambaŭurbaj esperantistoj. Du lernejestroj s-roj Tsuchiya kaj Tsuda de YEL vizitis DEL kaj la lernejestro de DEL, s-ino Liu Lixia, vizitis YEL(http://www.geocities.jp/fdtsh088/china2010-1.html). La vizitojn aranĝis urbaj instancoj kaj helpis tion esperantistoj kompreneble.

**Pri Toowoomba**

Takastuki kaj Toowoomba ĝemeliĝis en novembro de 1991. Tamen pli frue, en majo de la jaro la tiama prezidanto s-ro Nisikawa, kiu sciis baldaŭan ĝemeliĝon de ambaŭ urboj, vojaĝis al Toowoomba kaj renkontiĝis kun s-ino Jean Lehane, prezidanto de Toowoomba Esperanto-Societo (TES).

En julio de 1992 ges-roj Takeuti aliĝis al la karavano aranĝita de la urba instanco. Ili renkontiĝis kun membroj de TES. En 1997 EST invitis s-inon Jean Lehane al la 45a Kansaja Kongreso, kiun aranĝis EST. En la UK en Adelaide 1997 la aliĝintoj de EST kaj TES plurfoje havis renkontiĝon.

Nia interŝanĝo ĉesis pro malsaniĝo kaj forpaso de Jean Lehane. Tamen danke al IĜU kaj helpo de s-ro Wu Guojiang, mi ricevis retmesaĝon de la sekretario de TES, s-ino Hazel Green kaj la interŝanĝo rekomenciĝis. Ni jam dufoje ricevis de TES amikan mesaĝon kun fotoj por nia ekspozicio.

Mi resume skribis kiel ni aktivis kun esperantistoj en tri ĝemelaj urboj de Takatsuki. Retrovidante la

aferojn mi pensas, ke nia movado pri ĝemelaj urboj ne povus esti tiel sukcesa sen kontribuo de s-ro Nisikawa kaj geedzoj Takeuti.

De tempo al tempo mi aŭdis de s-ro Takeuti, ke ni devas teni la mondon en paco por ke ni povu libere komuniki kun eksterlandanoj per amata lingvo Esperanto. Li vizitis Changzhou pli ol dekfojojn. Okaze de tio li interŝanĝis kun tieaj esperantistoj kaj instruis Esperanton en lernejoj. Kial li vizitis tiom da fojoj Changzhou? Laŭ la babiladoj faritaj kun li mi supozas, ke li amis tieajn junajn esperantistojn kaj deziris fari ilin veraj esperantistoj. Li deziris doni ŝancon al ili por praktiki Esperanton. Lia kontenta mieno post reveno el Changzhou supozigis min, ke li mem amuzis sin per la praktikado de amata Esperanto.

Ĉiumarde vespere ni havas lernokunvenon kaj ĉeestas ĝin dek tri. Tamen al ni mankas junuloj, eĉ mezaĝuloj. Mi timas, ĉu ni povos daŭrigi la movadon hereditan de la antaŭuloj.

Nakatu Masanori

[**la redaktoro:** s-ro Nakatu helpe prezidis Kunvenon de Ĝemelaj Urboj dum la 93-a UK okazinta en Pollando kaj prezidis Kunsidon de Ĝemelaj Urboj dum la 6-a Azia Kongreso de Esperanto (AK) okazinta en Ulanbato]

## Informilo de Ĝemelaj Urboj varmigas la atmosferon por interhomaj rilatoj



Estimataj legantoj de la Informiloj! Laŭ invito de kolego Wu Guojiang mi kun danko ĝojas, partumi en la jubilea eldono de la Informilo, kvankam mi jam delonge (ekde 2003) ne plu kontribuis al ĝi. En tiu pasinta tempo mi eldonis la interurban informilon “PONTOJ”. Tiu ĉi informilo interligis la Esperanto-grupojn en urboj, kiuj en pli-malpli densa formo estis ĝemelitaj partneroj de la germana urbo Hildesheim. Estis la urboj Weston-super-Mare en Britio, Angoulême en Francio, Halle en Germanio, Pavia en Italio, Gelendjik kaj Rostov/Don en Rusio.

La unua eldono de PONTOJ aperis en 1993 kaj la lasta en 2003. Sep kajeroj en dek jaroj. Do ankaŭ motivo por kvazaŭ jubilea rememoro. Dum tiu dekjara periodo okazis multaj diversformaj kontaktoj, partopreno en interurbaj vojaĝoj kaj ekspozicioj. La komuna laboro por PONTOJ aldonis al ĉiuj niaj kontribuantoj multajn instigojn por la interna vivo de la unuopaj grupoj. Fortiĝis la sento kaj la konvinko, ke Esperanto vere plenumas, kion ĝi promesas. Ĉiu eldono akcentis apartajn temojn kaj rubrikojn: El la vivo de nia urbo, Legendo rakontas, Invito por via lango (kuirpraktiko), Privojaĝaj raportoj, Prezentado de urbaj muzeoj, Akvo en niaj urboj: riveroj, lagoj, maroj, Historiaj facetoj, Festoj en nia urbo, Originalaj poemoj ktp. Multe da kontentigaj kontaktoj kaj spertoj dum tiu ĉi tempo. Sed bedaŭrinde, tamen neeviteble, la kondiĉoj por tia intensa kunlaboro ne restis la samaj kaj stabilaj. Daŭrigo de la informilo ne plu estis ebla. Bedaŭrinde!

Sed la ‘sparkoj’, kiuj ankaŭ nin instigis, ĉie en la mondo kaj ĉiam denove ekbrulas kaj nutras esperon. Per la Informilo, kiun kolego Wu Guojiang eldonis dum sia jubilea periodo, tia ekbrulo okazas kaj varmigas la atmosferon por interhomaj rilatoj laŭ intenco de L. Zamenhof kaj multaj aliaj, kiuj sekvis lin kaj transdonis kaj disdonis tiajn ‘sparkojn’. Ni agnosku eĉ minimuman kontribuon al tia reciproka interkompreniĝo, al kreskigo de respekto por la pli kaj pli montriĝantaj kaj ekkoneblaj diferencoj kolektivaj, kulturaj, etnaj, religiaj, individuaj; Ni agnosku eĉ malgrandan progreson en la ekkono kaj agnosko de tio, kio estas komuna al ni ĉiuj: transiro el de timo (en ĉiu ajn sekvoriĉa kaj detrua formo) al amo (en plej vasta senso).

Mi admiras kaj alte respektas la energiriĉan laboron de redaktoro Wu Guojiang. Mi dankas al li – al vi por via afabla subteno dum la tempo, kiam PONTOJ estis vivanta. Kaj mi deziras, ke via vivo estu plena de kontentigaj spertoj en ĉiuj viaj vivokampoj kaj rilatoj.

Gratulon kaj dankon!

Hans Fechler el Germanio

*El kontinentaj kaj landaj organzaĵoj*

## Granda signifo de IĜU



Okaze de la jubilea 10-jariĝo de Informilo de Ĝemelaj Urboj mi gratulas al ĉiuj, kiuj sindone okupiĝis pri la publikigo de la bulteno. Ajna movado komencas de forta personeco. Konscia laboro de ĉiu persono estas la plej grava elemento por sukceso. Kvazaŭ magneto, ĉirkaŭ la vekiĝinta persono formiĝas rondeto de samideanoj kaj la rondeto kreskas kaj grandiĝos. Kiam en iu urbo naskiĝas la rondeto de Esperantistoj, la urbo jam fariĝas kandidato al ĝemelaj urboj.

Ĉiu Esperantisto strebu al tiu celo, ke li havu por si la magnetan forton. Donas al li la forton ĉiu agado por Esperanto. Dum li dediĉas sin por disvastigo de Esperanto al najbaroj, li fortigas sian karakteron. En la afero de publikado de la bulteno IĜU oni trovas fortan spiriton de respondeculo, kaj tio kuraĝigas aliajn samideanojn en la tuta Esperantujo.

Por la Esperanta afero, ni jam historie havas bonajn antaŭantojn. En Eŭropo, en Azio, en Ameriko, ĉie ni trovas niajn samideanojn kaj modelojn de fortaj personoj, havantaj magnetan forton. Informilo de Ĝemelaj Urboj donas al ni instigajn informojn por vidi tian magnetan forton.

Estas tre grave, ke tiu IĜU estas publikata nun en Ĉinio, kie la popolnombroj estas plej multaj, kaj tie, kie plej rapida estas la ekonomia disvolviĝo en la mondo. Se ĉinaj Esperantistoj daŭre agados tiel aktive, kiel ĝis nun, nia futuro estas plena de lumo. Esperantaj urboj estas ankoraŭ malmultaj, sed ili jam troviĝas en kelkaj landoj. Ni vidas la ĉinan urbon Zaozhuan kreskanta kiel energia Esperanta urbo. Ĉiu agado, aperinta en Ĉinio, kuraĝigas Esperantistojn en la tuta mondo. Ni deziras, ke plimultiĝu per Esperanto ĝemelaj urboj kun ĉinaj urboj, ĉar Ĉinio nun estas la akso de tutmonda Esperanto-movado.

Sasaki Teruhiro
Prezidanto de KAEM

## La projekto estas tre signifplena kadre de UEA



Kara s-ro Wu Guojiang, la komisiito de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj, kiel unu el la ardaj legantoj de via informilo, mi kore gratulas vian senlacan aktivecon por la projekto.

Vere, via misio estas tre grava kaj serioza pro tio,ke Esperanto estas tute ĝusta lingvo por ĝemeligi kaj ĝemeliĝi unu la alian sur neŭtrala bazo trans la lingva kaj kultura diferencoj. En tiu senco, mi opinias, ke via tasko estas tre signifplena kadre de UEA.

Legante vian informilon, mi haŭte sentis, ke aktuale Esperanto estas efike utiligata por amikigi kaj fratigi la homojn, kiuj loĝas kune sur la terglobo.

Mi ne dubas, ke ĝemeliĝo inter urboj pere de Esperanto estas ĝuste parto de tio, ke d-ro Zamenhof sopiris realigi sian sonĝon en tiu ĉi mondo. Ĉar li ĉiam alvokis la mondon sen milito, sen diskriminacio kaj sen malharmonio.

Esperante vian senpaŭzan marŝadon, mi kore gratulas kaj sendas aplaŭdon.

LEE Jungkee
prezidantode Seula Esperanto-Kulturcentro
kaj eksa prezidanto de KAEM

[**la redaktoro:** ĝuste pro aktiva konsidero de s-ro Lee sukcese okazis Kunsido de Ĝemelaj Urboj dum la 6-AK en 2010]

## Salutvortoj de la prezidanto de Europa Esperanto-Unio

Estimata samideano,

Kiel irlandano loĝanta en Belgio, kaj prezidanto de **EEU/Europa Esperanto-Unio,** mi esprimas miajn elkorajn gratulojn okaze de la 10-jariĝo de la tre grava projekto "Ĝemelaj Urboj" en la kadro de UEA.

D-ro Seán Ó Riain

## Amikeco estas unu el la plej gravaj celoj de Esperanto

Salutojn al vi kaj ĉiuj membroj de la Ĝemelaj Urboj tra la mondo.En la nomo de la Aŭstralia Esperanto-Asocio mi gratulas la projekton de Ĝemelaj Urboj pro la kunigo de tiel multaj urboj tra la mondo.

Mi opinias, ke la amikeco, kiu kreskas inter la membroj de la ĝemelaj urboj estas unu el la plej gravaj celoj de Esperanto.

Dankon pro ĉio, kion vi mem faras por helpi la projekton kaj mi esperas, ke vi ĝuos la 10 jaran jubileon.

Dianne Lukes
Prezidanto de Aŭstralia Esperanto-Asocio

## Mi ĝojas vidi la pozitivan rolon de la projekto



Kara kaj estimata s-ano Wu Guojiang, Okaze de la 10-jariĝo de la projekto Ĝemelaj Urboj kaj aperado de 40 numeroj de Informilo de Ĝemelaj Urboj mi esprimas al vi mian varman kaj koran gratulon. Mi ĝojas vidi la pozitivan rolon de la projekto en kontaktigo de diverslandaj popoloj kaj esperantistoj kaj en disvastigo de nia lingvo per ĝemeligo de urboj, kaj mi ankaŭ kun granda intereso legas la Informilon de Ĝemelaj Urboj, kiu kun bela aspekto donas al ni multajn sugestigajn informojn pri nia Movado en via kampo. Mi kore dankas vin kaj viajn kunlaborantojn pro via diligenta laboro kaj deziras al vi pli grandan sukceson en la agado por via projekto.

Tan Xiuzhu
Eksa vic-prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo

## Ankoraŭ pli grandajn sukcesojn!



Mi ekrilatis al la Projekto de Ĝemelaj Urboj en 2010 pere de s-ro Wu Guojiang, kun kiu mi amikiĝis en la 6-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento de Ĉinio, okazinta tiujare en Dandong-urbo, Liaoning-provinco. Depost la kongreso mi jam povas regule kaj rete ricevi ĝian organon Informilo de Ĝemelaj Urboj.

Pere de la Informilo mi klare vidas, ke post kiam la "Projekto" ekfunkciis antaŭ 10 jaroj, la laboro multe progresas. Ĝia organo "Informilo" jam havas 39 numerojn, kiuj estis ekspeditaj al ĉiuj anguloj de la mondo. Laŭ mi, la informila enhavo estas riĉa, interesa kaj legi-deziriga. Kaj dank' al la Informilo ni esperantistoj povas esti ne izolitaj, sed kunligitaj. Ĝi donas al mi pozitivajn impresojn. Por mi persone estas precipe imprese, kiom entuziasme Wu kaj liaj kunlaborantoj en UEA partoprenas en la laboroj kaj prenas respondecon pri la "Projekto". Mi ja ŝuldas dankon al iliaj sinoferaj laboroj.

Ĉe la 10-jara jubileo de la Projekto de Ĝemelaj Urboj, mi sincere diru la jenon:

Pri la estinteco: Bonan kaj indan investon de tempo, mono kaj energio por nia "Projekto"!

Pri la estonteco: Ankoraŭ pli grandajn sukcesojn al nia "Projekto" en la venontaj 10 jaroj!

Zhu Mingyi
Eksa vic-ĝenerala sekretario de Ĉina Esperanto-Ligo

## Gratulo de Assane Faye

Okaze de la 10 jara jubileo de Ĝemelaj urboj, mi glate en nomo de Senegala Esperanta Asocio gratulas kaj kuraĝigs vin. Plenan sukceson!!!

Assane Faye
Prezidanto de Senegala Esperanto-Asocio

## Dum la jaro de la 125-jara jubileo




Karaj legantoj de la Informilo de Ĝemelaj Urboj,

Mi, komisiito de ĝemelaj urboj en Svedio, dum multaj jaroj provis instigi la esperantistaron en Svedio kunlabori en la kadro de ĝemelaj urboj.

La esperantistaro ankoraŭ ne komprenas la valoron de ĝemelurbaj rilatoj kiuj jam estas establitaj inter la komunumoj en la ĝemelurboj. Komunumoj starigis inter si kontrakton pri rilatoj inter du (aŭ pli) da urboj. Tio signifas ke la komunumoj respondecas pri la kostoj por ekz. vojaĝoj por havi ĝemelurbajn renkontiĝojn.

En urboj kiuj ne havas fortan esperantogrupon ni ne povas instigi la urbestron lerni Esperanton kaj post tio, labori en la ĝemelurba kadro.

Ni devas komenci pri tiuj esperantistoj kiuj jam estas en la urboj.

| |
|---|
| Mi laboras ekzemple tiel ĉi:<br>2012 La Sveda Esperantokongreso estos en Helsingborg<br>Helsingborg havas ĝemelurbojn: Alexandria en Usono, Dubrovnik en Kroatio, Helsingör en Danio kaj Pärnu en Estonio.<br>Mi serĉas esperantistojn en la urboj pere de la Jarlibro kaj pere de la reto kaj petas ilin kontakiĝi kun la grupo en Helsingborg.<br>Tial Helsingborg havas la eblecon pere de sia komunumo inviti esperantistojn de la ĝemelurboj al la Esperantokongreso ĉi jare.<br>(Mi scias ke oni trovis esperantistojn en Dubrovnik sed mi ankoraŭ ne scias ĉu iu estas invitita al Helsingborg.) |

Espereble la esperantistaro baldaŭ komprenos la valoron de ĝemelurbaj rilatoj kaj la helpo kion ili povos ricevi de siaj komunumoj.

Pri tio ni laboros pli dum la jaro de la 125-jara jubileo!

Kaisa Hansen
Komisiito de Sveda Esperanto-Federacio pri ĝemelaj urboj

## Konkretigu ĝemeliĝon kadre de la projekto Esperanto-125



Estimata Wu Guojang, Estimataj samideanoj,

Dek jaroj jam pasis ekde la kreado de la Projekto Ĝemelaj Urboj. Tio estas granda evento. Tra la tuta mondo urboj ĝemeliĝas, sed temas pri oficialaj kontaktoj. Esperantistoj havas tiun avantaĝon, ke ili havas eblecon persone kontakti kun aliaj esperantistoj loĝantaj en la ĝemelita urbo. Kadre de la Projekto Esperanto-125, vjetnamaj esperantistoj planas konkretigi ĝemeliĝon inter esperantistoj el Dong Da distrikto de Vjetnamio kun esperantistoj el Choisy-le-Roi en Val de Marne, Francio, per interŝanĝo de leteroj kaj eventuale vizitoj. Ni planas ankaŭ ekstarigi kontakton inter esperantistoj el Ho Chi Minh

-urbo kun esperantistoj el Fusan, en Koreio.
Okaze de la dekjara jubileo, nome de vjetnamaj esperantistoj, mi sendas al vi nian varman saluton kaj gratulon pro la granda kontribuo kiun vi alportis al la movado, pere de ĝemeliĝo.

Nguyen Xuan Thu
Komitatano de Vjetnama Esperanto-Asocio
respondeculo pri Ĝemelaj Urboj en Vjetnamio
Kontakpersono pri Projekto Esperanto 125 en Vjetnamio

*El la Esperanto-gazetaroj*

## Gratulon al la dekjariĝo de la projekto Ĝemelaj Urboj



Estas gratulinde, ke jam dekjariĝas la projekto Ĝemelaj Urboj kadre de UEA kaj 40 numeriĝas la revuo (ricevita de mi en la reta versio) , kiu ĉiam ĉarmas kaj allogas pro ĝiaj iniciateco kaj abundeco.
Sendube tia iniciateco ne nur konformas al la "interna ideo" de Esperanto sed ankaŭ plilarĝigas la terenon ponti per Esperanto por la komunikado inter diverslandaj popoloj, tiel ke floros la interlingva, interkultura kaj interkomunika agadoj ampleksaj ankaŭ en ĝemeliĝontaj urboj, kaj fruktiĝos je paca mondo translingva kaj transkultura sed abunda de lingvdiverseco kaj kulturplureco. Mi deziras, ke pli kaj pli multaj urboj ĝemeliĝos, tiom pli, ponte de Esperanto.

Yu Jianchao
Esperanto-Servo de Ĉina Radio Internacia

## Bondeziroj de la revuo Esperanto

Sinceran gratulon okaze de la 10-jara jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj de UEA, kaj bondezirojn al la kolego, redaktoro Wu Guojiang  kaj al la legantoj de la same jubileanta 40-a Informilo de Ĝemelaj Urboj!

Stano Marček
redaktoro de la revuo Esperanto

*Salutvortoj el fakaj asocioj*

**Andrzej Grzebowski** [prezidanto de Internacia Klubo "Esperantotur" en Bydgoszcz, Pollando]: Estimata s-ro Wu Guojiang, koran dankon pro la respondo. Okaze de via 10-jara jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj, ni sendas al Vi fragmenton de nia nova lernolibro de ISTK/AKB "Itineroj je la nomo de Ludoviko Zamenhof en Pollando kaj Europo" (alkroĉita), kiun ni ĵus eldonis okaze de la 125-a jubileo de Esperanto. Ni esperas, ke la fragmento de tiu gvidlibro instigos partoprenantojn de la projekto Ĝemelaj Urboj vojaĝi laŭ tiuj itineroj kaj starigi novajn kontaktojn inter Ĝemelaj Urboj kaj tiuj urboj, kie restadis Ludoviko Zamenhof en Pollando kaj en Eŭropo. Sukcesan Jubileon al Vi!
**Robinson Mattos** [Prezidanto de la Eldona Spiritisma Asocio en Brazilo]: Plezure mi salutas la elstarajn laborantojn de la projekto "Ĝemelaj urboj" precipe pro la lanĉo de la 40-a numero de la informilo de Ĝemelaj urboj, ankaŭ ni sendas nian bonzirojn por la daŭrigo de tiu fruktedona gravega laboro.

## Salutmesaĝoj el ŝiaj rondoj

Profesorino doktorino Alicja Lewanderska Quednau estas vicdekanino de sekcio 6 de AIS SM(Akademio Internacia la Sciencoj en Sanmarino), vic-rektorino de IUK BG (Internacia Universitato Karlovo en Bugario)

kaj prezidantino de AIS en Pollando. Sciinte la okazon de la 10-jara jubileo de la projekto ŝi ne nur kelkfoje esprimis gratulojn, sed inspirite de ŝi samideanoj el diversrondoj rilataj al ŝi, sendis al la projekto bondezirojn. Jen estas salutmesaĝoj el ŝiaj rondoj.-----la redaktoro

**El Alicja mem**:

Kara Wu Guojiang, mi dankas al vi pro via grandega kaj grava laboro, ĉar mi kunlaboras kun kelkaj internaciaj asocioj- do mi scias kiel grava estas amika kunlaboro, kaj kiel ofte estas malfacile interkompreno. Nome de AIS PL kaj miaj familianoj ni gratulas al vi kaj deziras efikan laboron, feliĉon kaj sukcesojn.

**El parencoj de Alicja**

**Prof. Dr. Barbara Despiney kaj Lukasz Wroblewski**: Ili ĉiuj kredas ke dank al vi ekestos plu da ĝemeligo pere de Esperanto: ni kredas ke jes, kaj ni vidu ekzemplon post 5 jaroj. Ankaŭ al iliaj deziroj aliĝis Božidar Leonov, prezidanto de IUK kaj AIS en Karlovo.

**Piotr Jerzy Hawrylewicz** [gimnaziano kaj sportisto el Silezio, vidu foton-1]: karaj, belega ideo, mi deziras al vi plu da sukcesoj.

**Kasia Hawrylewicz** [lernato de popollernejo en Silezio, vidu foton-2]: Mi tre ĝojas ke vi bone agadas. Gratulon kaj sukceson plu.

**Remigiusz Tomasz Lewanderski el Warszawa en Pollando/Paris en Francio**: Esperanto signifas fratecon. Pro tio ĝemeliĝo de urboj pere de Esperanto estas belega. Ne lasu tion. Sukceson plu. Vidu foton-3

**El kolegoj de Alicja**

**Prof. Dr. Hans Dietrich Quednau** el Germanio [Senatano de AIS SM,vidu foton-4]: Estimata, mi tre fieras ke vi sukcesis atingi grandan laboron. Ne lasu tion, deziras al vi ĉion bonan.

**Stewen Brewer kaj Charles Duncan** el Usono[anoj deAIS SM]： Ni elkore salutas kaj gratulas al vi okaze de via 10-jara agado. Foto-5 montras Alicja kaj ilin.

**El studentoj de Alicja**

**Katrin Halburg el Germanio, Szilvia Laszlo, Zikali Richard, Anna Norti, Istvan Szilagi kaj Anna Sulve el Rumanio, kaj aliaj** el Hungario**:** Ĉion bonan kaj plu da sukceso por vi, kaj ne forgesu ke ankaŭ ciganoj lernas Esperanton! Foto-6 montras Alicja kaj parton el ili.



Foto-1



Foto-2



Foto-3



Foto-4




Foto-5



Foto-6

*Esprimoj el iliaj koroj*

## Ju pli aĝa, des pli bela

Kara estimata Wu Guojiang,

Dek jaroj jam, kia sukceso! Au ĉu prefere mi diru: kia eltenemo, kia diligento? Persiste vi laboras kaj obstine, eĉ malgraŭ tio, ke multaj apenaŭ subtenas vin aŭ esprimas aprezon.

Inter tiuj estas mi, mem provinte fari ion Esperantistan inter mia urbo kaj ties oficialaj ĝemeloj - malfacile tio ekis, pene vivetadis, rapide velkis. Ĉu dum mia ĝemelurbe aktiva tempo mi sufiĉe raportadis al vi? Ne, mi ne faris, konfesinde - kaj certe mi ne solas.

Via afero tamen progresas, ĉar vi prizorgas ĝin fidele, kiel montras la Informilo, kiu ne nur aperis jam 39-foje (mia plej ŝatata cifero), sed krome eĉ fariĝis ju pli aĝa, des pli bela.

Gratulon do al via 10-jara "projekto", kiu jam delonge fariĝis realaĵo kaj valora informfonto!

Sabine Hauge
vicprezidanto de Nurenberga Esperanto-Grupo

## La plej bona popolinterliga lingvo estas Esperanto

Estimataj gesinjoroj, karaj samlingvanoj,

Kiel ni povus forgesi la dankon por via iniciato, interplekti la diverslandajn lokojn, ĉu grandajn ĉu malgrandajn, kie geamikoj de nia lingvo Esperanto provas konekti reton de ĝemeliĝintaj urboj.

Kvankam la vojo al pli ampleksaj, pli kontentigaj translimaj kontaktoj ŝajnas esti ankoraŭ longa – ĝi ja kondukas ne nur abstrakte trans limoj inter la diversaj nacioj, sed estas ofte konkrete barata per inter ili regantaj, rigide fikisitaj pensmanieroj, historiaj spertoj, la imagoj (ofte eĉ misimagoj) pri la propra valoro kaj ideoj pri la propra estonteco – tamen ni subtenantoj de lingva interkomunikilo esperas kontribui iom post iom al paca interŝanĝo kaj sekve al la alproksimiĝo de homoj diversanaciecaj. Pro tio ni altestimu la laboron de UEA, danku pro via konkreta laboro gratulante la dekjaran ekziston de via projekto "Ĝemelaj Urboj"!

Ni povas raporti, ke niaj malgrandaj urboj Kronach (Kronaĥ) en Supra Frankonujo en Germanio kaj Hennebont en Bretonio en Francio jam de multaj jaroj estas oficialaj ĝemelaj urboj kaj ke ambaŭ Esperanto-Grupoj en tiuj urboj staris ĉe la lulilo de tiuj kontaktoj kaj observas kaj flegas ilin laŭforte, persone, letere aŭ e-poŝte. En Hennebont staras la tie plantita "Arbo de la amikeco" kaj ekzistas unu el la stratoj nomita laŭ la iniciatinto de nia lingvo, la 'Rue Zamenhof'. – Ankaŭ kun la urbo Kiskunhalas (Kiŝkunhalaŝ) en Hungario Kronach havas oficialajn kontaktojn kaj la Esperantogeamikoj en ambaŭ lokoj flegas tiajn sur persona bazo.

Dokumenteble la E-grupoj estas por paco, amikeco kaj justeco. Ili opinias ke la plej bona popolinterliga lingvo estas Esperanto.

La E-Grupo Kronach salutas ĉiujn ĝemelurbojn.

Nome de la Kronaĥanoj salutas vin.

Gosbert Gehlert kaj Armin Grötzner el Germanio

## Nia afero pri ĝemelaj urboj estas kerno de la movado

Karaj gesamideanoj rilatantaj al nia afero, Ĝemelaj Urboj, Okaze de la 10-jara jubileo kaj la 40a numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj, mi tre ĝojas gratuli kaj elkore danki la rilatantojn kaj precipe la komisiiton de UEA pri la projekto, s-ron WU Guojiang, kiu ĉiam senlace laboradas por la afero. Ĝenerale dirite, la afero de ĝemelaj urboj komence ardas sed iom post iom fariĝas nemoda inter urbanoj, kiuj ne komprenas la gravecon pri internaciaj kompreniĝo kaj amikeco, kaj ne havas kontaktojn. Tia fenomeno ekzistas ankaŭ en mia urbo. Sed nun estas la epoko de sia loko rekte al alia mondo, nome la epoko "loko-al-tergloba", per kiu

homoj povas prosperi kaj sentas sin reciproke najbaraj en paca kunvivado. En tio Esperanto havas gravan rolon, por kiu esp-istoj devas havi pli fortan solidarecon inter rilatantaj ĝemelaj urboj. Per tiu solidareco ili povos poluri sian kapablon de Esperanto kaj kontribui por monda paco, kio prezentos al niaj urbanoj bonan modelon. Sed pli grava afero de nun estas la agado ne nur por la amikeco de esp-istoj inter ĝemelaj urboj, sed por servema al kaj pli videbla Esperanto per praktikado por neesp-istaj urbanoj. Pro tio naskiĝos pli multe la simpatiantoj kaj novaj esp-istoj. Nia afero pri ĝemelaj urboj estas kerno de la movado. Pli da prospero al estonteco!

Harukuni Egawa
FD de UEA (ĝemeliĝo, turismo, Unesko) en la urbo Wakayama

## Kontribuu viajn spertojn kaj ideojn al tiu ĉi projekto

Kara sinjoro Wu Guojiang kaj karaj gesamideanoj, mi kore gratulas la komisiiton je la 10-jariĝo de la projekto Ĝemelaj Urboj, kiu konstante laboras pri tiu ĉi projekto, i.a. kun la kreado de reta revueto Informilo de Ĝemelaj Urboj kaj baldaŭ dissendo de ĝia 40-a numero. Mi ankaŭ gratulas la grandnombron da implikitaj samideanoj, kiuj kontribuis al la diversaj numeroj de la revueto. Persone mi pensas ke la projekto povas esti pli utila por la uzantoj, kiam ekzistas retpaĝaro. Nun kiam oni bezonas iun informon pri ĝemelaj urboj oni devas serĉi en la skatolo kun la baldaŭ 40 numeroj. Jam estas diskutoj kun UEA pri la kreado de tiu paĝaro, kune kun la renoviĝo de la UEA retpaĝaro sed eble estas samideanoj, kiuj havas ideojn aŭ dezirojn pri tiu ĉi retpaĝaro. Tial mi alvokas vin doni tiu ĉi ideojn al la komisiito. Poste ni informos vin en la retaj informiloj pri la stato de tiu ĉi retpaĝaro.

Kiel vi scias en ĉiuj UKoj, dum la oficiala komenco en 2004 en la Pekina UK, la komisiito organizis kunvenon pri ĝemelaj urboj en kiu interesitaj personoj povis kontribui kun spertoj, ideoj k.a. kaj diskuti kun aliaj implikitaj samideanoj. Dum tiu ĉi kunveno jam venis ideoj pri la organizado de tiu ĉi kunveno, sed eble vi ne ankoraŭ esprimis viajn dezirojn kaj ideojn pri tiu ĉi, do mi incitas vin fari tion kaj sendi al la komisiito kiu povas uzi tion pri la kunveno en la Hanoja UK kaj venontaj kunvenoj.

Viajn spertojn kaj ideojn vi povas kontribui al tiu ĉi projekto de ĝemelaj urboj kiun mi persone ege ŝatas kaj estimas, kaj mi esperas ke ĝi ankoraŭ povas evolui pli i.a. por kontribui al la disvastigo de Esperanto.

Pieter Engwirda el Nederlando

## Renkontiĝu junaj esperantistoj por konfirmiĝo de nia movado



Karaj kaj estimataj geamikoj kaj gesamideanoj! Je la nomo de Vladivostoka Esperanto –klubo "Pacifiko" (RUSIO) mi salutas vin okaze de la 10-jara jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj

La ligoj inter rusiaj for-orientaj esperantistoj kaj esperantistoj de Azi-Pacifikaj landoj komenciĝis jam delonge, precipe kun japanoj kaj ĉinoj.

Vladivostoko estas konata al la E-mondo antaŭ ĉio dank' al la rememoroj de Vasilij Eroŝenko kaj Julij Baghi. Dum la lastaj 20 jaroj ĝin vizitis Esperantistoj el Japanio, Ĉinio kaj Koreio.

Primorjeon oni nomas perlo de For-Oriento de Rusio. Ĉi tie estas unika kolekto de mondkonataj plantoj kaj bestoj. La tera internaĵo estas riĉa je mineraloj. La naturo kaj ties riĉaĵoj konsistigas la ĉefan bazon de la regiona ekonomio, servas al evoluo de industrio kaj agrikulturo.

Vladivostoko estas ĉefa urbo de Primorjea regiono kai unu el la plej grandaj urboj de Rusia For-Oriento, fondita en 1860. En Vladivostoko komenciĝas la Transsiberia fervojo, pertrajna distanco ĝis Moskvo – 9288 km.

En Primorjeo loĝas reprezentantoj de pli ol 100 etnoj kaj popoloj. Inter ili plejpartas rusoj, ukrainoj, koreoj,

tataroj, belorusoj, popoloj de eksa Sovetunio kaj aborigenoj. Antaŭ unu jaro oni komencis eldoni la unuan revuon en Rusio de regionaj popoloj “Utro Vostoka” (Mateno de Oriento). La eldonon efektivigas la Asocio de la koreaj organizoj de Primorjea regiono. Ĉiujare en Vladivostoko kaj Primorjeo oni organizas la festivalon de regionaj etnaj kulturoj, dum kiu oni prezentas etnajn muzikon, dancojn, kantojn, kuirartojn, faritaĵojn kaj aliajn.

Nuntempe Primorjeo kaj Vladivostoko preparas sin al la Pintkunveno de ŝtatestroj de Azi-Pacifikaj landoj, kiu okazos en septembro 2012 kaj estos dediĉita al ekonomia kunlaboro. Tiu evento devas kontribui ankaŭ evoluon de E-movado en nia regiono. Ja Vladivostoko kaj aliaj urboj de Primorjeo havas ĝemelajn rilatojn kun multaj urboj de Koreio (Busan), Japanio (Akita, Hakodate, Niigata, Curuga, Otaru, Majdzuru) kaj Ĉinio (Daljanj). Krome ekzistas konvencioj pri kultura, ekonomia, scienc-teknika kunlaboro kun aliaj urboj de Azi-Pacifika regiono.

La estonto de la E- Movado dependas ankaŭ de aktivaj kontaktoj kun eksterlanda Esperantista junularo. Se temas pri Siberio kaj Fora oriento, certe, la movado firmiĝos, se ofte renkontiĝos junaj esperantistoj de najbaraj regionoj de Rusio, Koreio, Japanio kaj Ĉinio, precipe el ĝemelaj urboj. La urbo Vladivostok ankaŭ estas tre oportuna loko por tiuj renkontiĝoj

Ni evoluigu kune la E-movadon inter ĝemelaj urboj de la Azi-Pacifika regiono. Sukcesojn al vi !!!

Aleksandr TITAJEV
prezidanto de E-klubo PACIFIKO kaj
reprezentanto de Rusia Esperantista Unio en Fora Oriento de Rusio

*Dolĉa voĉo el la mondo*

## Afriko

**Angolo**
**Joao Claudio T. Nsoko**: Karega Wu Guojiang, mi tre kontentas pro la projekto, kaj mi ĉiam estas interesanto en mia lando.

**Burundio**
**Eric Nsengiyumva** el Bujumburo: Gratulon!

## Ameriko

**Brazilo**
**José Passini** [delegito de UEA en Juiz de Fora]: Estimataj Samideanoj, kun granda plezuro mi sendas mian salutmesaĝon al la 10-jara jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj kaj la 40-a numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj. Mia urbo enhavas 500.000 enloĝantojn. Elkorajn salutojn.
**Carlos Maria** el Braśilia**:** Gratulojn pro la 10-a jariĝo de la projekto "Ĝemelaj Urboj”!
**Georgo Otto Vaske:** La plej varman saluton por gratuli pro la 10 jaroj da sukcesa Ĝemelaj Urboj.
**Elisia Martins de Oliveira** el Bahia Esperanto Asocio (Salvador - Bahia- Brasil): Ni kore gratulas vin pro la Projekto tiel interesa al la internacia E-movado, nome de la ESTRARO. Koran saluton.
**Antonio Felix da Silva** el Florianópolis**:** Kara amiko Wu Guojiang, per "Ĝemelaj Urboj" vi kontaktigis kun mi, pro tio mi konsideras vin mian karan amikon. Mi gratulas vin kaj al 10-Jara Jubileo de la Projekto Ĝemelaj Urboj kaj la 40-a numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj.

**Ĉilio**
**Alfonso Baraona** en Viña del Mar: Karaj samideanoj, mi esprimas mian gratulon kaj saluton al la 10-jara jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj kaj la 40-a numero de informilo de Ĝemelaj Urboj.
**Jorge Tachauer** en Santiago: Varmajn kaj elkorajn gratulojn pro la 10 jaroj de fruktodona agado! “Malbonaj

pensoj fermas la koron”. (Rabeno Najman de Bratzlav).

**Kanado**
**Raymond Brisebois el Ontario:** Estimata S-ano Wu, al mi sendas korajn salutojn kaj gratulon pri la Dekjariĝa Jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj!

**Kubo**
**Amparado Cisnero Rovira** [gvidanto de esperanta grupo de Ciego de Avila]: Karaj, estas granda plaĉo por mi ricevi viajn ĉiujn tipajn mesaĝojn. El Kubo ricevu amikajn gratulojn de grupo de esperantistoj el Ciego de Avila, okaze de la deka datreveno de la fondiĝo de tiu interesa projekto. Mia grupo deziras ĝemeliĝi kun urbo proponita de vi, kompreneble, se eblas.

**Usono**
**Anĝelina Taremi** el Phoenix: Elkorajn gratulojn!

## Azio

**Ĉinio**
**Han Zuwu** [prezidanto de Tianjin-a Esperanto-Asocio]: Kara s-ro Wu Guojiang, Nome de Tianjin-a Esperanto-Asocio, mi sendas al vi la Salutmesaĝon pro la 10-a jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj kaj la 40-a numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj. Mi esperas, ke vi faros pli grandan sukceson en la pasontaj 10 jaroj. Ni, Tianjin-a Esperanto-Asocio, vizitos nian ĝemelan urbon Lodzon de Pollando en majo por profundigi nian intiman rilaton. Mi raportos al vi pri la vizito. Koran dankon pro via penega laboro.
**Liu Zhengkun kaj Jiaoxiyang** [prezidanto kaj ĝenerala sekretariino de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio]: Kun granda fiero ni esprimas korajn gratulojn al la 10-a datreveno de la projekto Ĝemelaj Urboj. Tiu agado ĉiam estas unu el la ĉefaj laboroj de nia asocio. De multaj jaroj ni estas klopodantaj por Esperanto-apliko en tiu tereno. Tamen ni persistas kvankam estas malfacile konkretigi la agadon, tamen ni neniam forlasis kvankam ni spertis malsukcesojn. Ni kredas ke nin atendas vojo al sukceso, kaj ĉiun, kiu havas fortan volon kontribui sin al tiu signifa praktiko.

**Israelo**
**Cvi Löwenkopf** [Esperantisto depost 1937]: Akceptu miajn korajn gratulojn!

**Japanio**
**Etsuo Miyoshi** [prezidanto de Higashikagaŭa Esperanto-Asocio]: Kara Guojiang, dankon pro via respondo. Mi estas eksterordinare okupita ĉimomente kun pluraj komercaj vojaĝoj farendaj (ekde morgaŭ). tial estas nun malfacile al mi helpi vin por verki ion por la 10-a jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj, bedaŭrinde. estonte volonte mi kontribuos. Pardonon! Bondezirojn de sukceso al via granda laboro.
**Hirosima Esperanto-Centro**: Gratulojn al la 40-a numero de Ĝemelaj Urboj, kaj multan dankon al vi pro viaj 10-jaraj laboroj esprimas kun estimo.

**Kazakio**
Majra Baradossova el Uralsk: Bonan plulaboron kaj prosperon okaze de 10-jariĝo al la Projekto de Ĝemelaj urboj!

**Koreio**
**HOPE Kim** [Homo Ornamita Per Esperanto]: Saluton! Karaj samideanoj, Gratulon por 10 jariĝo de la

projekto "Ĝemelaj Urboj" en la kadro de UEA. Mi preĝas al Dio prosperan frukton por tiu projekto.

**Pakistano**
**Jawaid Eahsan el Multan:** Kara amiko Wu Guojiang ! Bv. akcepti gratulojn el Pakistano pro la 10-jara jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj. En via granda kaj grava projekto, mi povis partopreni nur per tradukado de "Letero al Urbestroj" en nacia kaj gepatra lingvo"Urdu-o".

**Taĝikio**
**Saidnabi Saidiĥomzoda:** Saluton! Karaj samideanoj, Ĝemelaj Urboj vere estas aplaŭdenda rimedo, kiu vere meritas estimon, ĉar pere de ĝi ĝemeliĝas ne nur proksimaj najbaraj landoj, sed eĉ tre malproksimaj, do mi deziras al nia 10 jariĝa infano bonegan fruktedonan kreskiĝon.

# Eŭropo

**Albanio**
**Bardhyl Selimi:** mi ricevadis regule informaĵojn pri via agado. Antaŭ la novjaro 2012 mi alskribis al la urbestro de Tirana, s-ro Lulzim Basha proponante utiligi ankaŭ Esperanton por ĝemeligi nian urbo kun aliaj mondaj urboj, precipe en foraj regionoj de ni, kiel Japanio, Ĉinio, Vjetnamio, Indonezio, SudAmeriko, Afriko. Mi esperu ke li reagu pozitive. Tiucele mi pretis starigi e-kurson en la urbodomo kiun partoprenus grupo de tieaj oficistoj deĵorantaj por la eksteraj rilatoj. Ankoraŭfoje akceptu karaj ankaŭ miajn plej bonajn gratulojn al vi okaze de 10 jariĝo.

**Aŭstrio**
**Leopold Patek** [ĉefdelegito de UEA por Aŭstrio]: Okaze de la 10-jara jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj mi esprimas miajn sincerajn bondezirojn! Nur ĉi-jare mi eksciis ke mia federacia lando Malsupra Aŭstrio http://eo.wikipedia.org/wiki/Malsupra_A%C5%ADstrio estas ĝemela provinco de Ĝeĝjango (Zhejiang) http://eo.wikipedia.org/wiki/%C4%9Ce%C4%9Django . Kun samideanaj salutoj.

**Belgio**
**Germain Pirlot:** Vian peton mi transsendis al kelkaj korespondantoj.Al via admirinda agado mi bondeziras sukcesegon okaze de la 10-jara jubileo!

**Ĉeĥa Respubliko**
**Prof. D-ro Vlastimil Novobilsky:** Estimata samideano Wu Guojiang, en la nomo de la Esperantista Klubo en Usti nad Labem kaj en la nomo de mi mem akceptu koran gratulon kaj bondeziron okaze de la 10-jara jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj kaj de la 40a numero de la Informilo de Ĝemelaj Urboj. Kore salutas.

**Francio**
**Bernardo P. Sarlandie:** Estimataj, kiel urba konsiliano pri ĝemeliĝoj en Le Haillan, mi gratulas vin okaze de la 10-jara jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj kaj la 40-a numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj. Malfeliĉe ne ekzistas esperantistoj en niaj tri ĝemelaj urboj (aŭ se ili ekzistas, ili ne partoprenas en niaj renkontoj), Enderby(Britio), Colindres (Hispanio) kaj Kalambaka (Grekio).Korajn salutojn.
**Mikaela el Reunio** (ultramara departemento franca apud Madagaskaro): Saluton al la ĝemelaj urboj!

**Italio**
**Luigi Fraccaroli [prezidanto de Breŝa Esperanto-Grupo (BEG)]:** BEG esprimas sian gratulon kaj saluton al la 10-jara jubileo de la projekto Ĝemelaj Urboj kaj la 40-a numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj.

**Ermigi Rodari** [sekretario de Milana E – Klubo]: Ni ĝojas ĉar la projekto pri ĝemelaj urboj jam atingis la dekjaran datrevenon, kaj ni bondeziras por fruktodona estonto. Milana Esperanto-Klubo nuntempe havas rektajn rilatojn, kaj interŝanĝon de bultenoj, kun naŭ ĝemelaj E-Kluboj.

**Nederlando**
**G. Dercks:** Estimataj, Jen mi deziras gratuli vin pro la 10 jara JUBILEO. Multajn salutojn el mia urbo Almelo (Nederlando). Havu agrablan tagon kaj daŭrigi vian projekton de "Ĝemelaj Urboj". Samideanajn salutojn.

**Norvegio**
**Kjell Peder Hoff :** Mi gratulas vin okaze de la 10 jariĝo de via laboro por ĝemelaj urboj.

**Pollando**
**Stanisław Rybicki en Lubin:** Mi gratulas la 10 jaran agadon. Lublin havas 20 ĝemelajn urbojn. Dum novembro de 2011 jaro vizitis Lublinon UEA-Delegito el Nancy (Nancy kaj Lublin estas ĝemelaj urboj de 20 jaroj). Amike mi salutas vin.

**Portugalio**
**Luís Ladeira:** Mi profitas la okazon por gratuli vin ĉiujn kiuj eltenas la movadon, precipe al ĝia ĉefa respondeculo s-ro Wu Guojiang.

**Rusio**
**Larisa** el la urbo N. Tagil: Tutkore gratulas vin okaze de la jubileo de la projekto "Ĝemelaj urboj". La esperantistoj de nia urbo deziras trovi geamikojn-esperantistojn el la ĉeĥa urbo Cheb kaj la ĉinojn-esperantistojn, kiuj laboras en nia regiono.

# Oceanio

**Aŭstralio**
**Hazel Green [sekretariino de Toowoomba Esperanto-Societo]:** Estimata Wu Guojiang, Gratulon nome de membroj de TES pro dek bonaj jaroj en la projekto "Ĝemelaj Urboj". Ni tre dankas pro helpo renovigi kontakton kun ĝemela urbo, kaj ni ĝuas la interŝanĝon de novaĵoj kaj bildoj. Kun koraj dankoj al vi.

# La komisiito parolas

Estimataj esperantistoj,

Dek jarojn da malebena vojo ni kune iris manon en mano. Dek jarojn da strebado ni kune faris ŝultron ĉe ŝultro. Ĉi-momente mi kune kun vi festas la 10-an jubileon de la projekto Ĝemelaj Urboj de UEA kun nekomparebla ĝojo. Ĉi tie mi esprimas la plej sinceran dankon al tiuj esperantistoj, kiuj subtenas/subtenis la projekton. Samtempe Ni ankaŭ ne povas/devas forgesi tiujn forpasintajn samideanojn, kiuj kontribuis al Esperanto-aplikado en ĝemelaj urboj. Estas ili kiuj ekspluatis kaj persistas ĉi tiun vojon por montri valoron kaj rolon de Esperanto. Inter ili estas s-ro Hugo Röllinger (Germanio), s-ino Catina Giulia Dazzini (Italio), s-ro Adolf Halbedl (Aŭstrio), s-ro Itô Eizô (Japanio), s-ro Hirano Masahiro (Japanio), s-ro Raoul Cahouet (Francio), geedzoj Takeuti (Japanio) ktp. Mi kore esprimas la noblan omaĝon al ili.

Mi nenion faras sen aktiva partopreno de esperantistoj. De dek jaroj ili donas fortan subtenon al la projekto per diversaj formoj. Multiĝo de artikoloj pri Esperanto kaj ĝemelaj urboj en la retejo Vikipedio estas la plej bona ekzemplo. Antaŭ 10 jaroj oni tie legis kelkdek priajn artikolojn en dekkelkaj retejoj, nun estas troveblaj pli ol 20000 artikoloj en ĉirkaŭ 120 retejoj aŭ hejmpaĝoj, i.a. ĉirkaŭ 80% el ili koncernas la projekton aŭ

venas el IĜU se oni tajpas tiujn ŝlosilajn vortojn “ghemelaj urboj”, “gxemelaj urboj”, “ghemelurboj”, “gxemelurboj”, “ĝemelaj urboj” kaj “ĝemelurboj”. Tio tute dankas al kontribuoj de niaj esperantistoj. Alia ekzemplo estas, ke multiĝas urbestroj kiuj priatentas kaj taksas pont-rolon de Esperanto en ĝemelaj urboj, ili ne nur ĉeestis al la Esperanto-aktivecoj kiel ekspozicio de Esperanto kaj kongreso de Esperanto, gratulis la urbestron de la kongresurbo de la UK, sed konsideras partoprenon de lokaj esperantistoj en interurba ĝemeliĝo, festo de ĝemeliĝo-datreveno, vizito al ĝemelaj urboj, eĉ parolas Esperante dum akcepto de esperantistoj. El tio niaj esperantistoj estas veraj herooj, veraj enŝovantoj kaj praktikantoj de la projekto. Indas mencii ke famaj esperantistoj ankaŭ prizorgas la projekton, Louis-Christophe Zaleski-Zamenhof, Germain Pirlot, Humprey Tonkin, István Ertl, Li Shijun, Tan Xiuzhu ktp. S-ro Robert Bogenschneider partoprenas en la projekto kiel provleganto de IĜU.

Kion mi profunde sentas estas ke alia subteno de esperantistoj estas kompreno. Retrorigardinte mi trovis ke la fruaj IĜU havis tiom da mankoj. Niaj esperantistoj toleras tion kun granda pacienco, kaj kuraĝigas min. Pro malatento neunuafoje okazis ripeta sendo al kelkaj esperantistoj kiuj ne volas plu ricevi la bultenon. Ili ne riproĉas min, male amike atentigas min pri tio, eĉ donis proponon registri tiujn samideanojn.

En la pasintaj 10 jaroj oni donis al mi diversajn inspirojn. Mi ricevis nemalmultajn eldonaĵojn, i.a. Asocio de Esperanto CLUJ en Rumanio sendis al mi la gazeton “BAZARO” ĝis ĝia adiaŭa numero. Mi ĝuis la Invit-projekton de Japana Esperanto-Instituto por la 92-a UK. Antaŭ kaj post la kongreso Esperanto-Societo en Takatsuki donis al mi detalan prizorgon ankaŭ pro mia komisiiteco de ĝemelaj urboj, kaj koncernaj oficisitoj de la urbodomo varme akceptis min (la unua de maldekstre en la foto). Ĉio ĉi esprimas subtenon de esperantistoj al la projekto.




UEA ludas gravan rolon por flegi la projekton. En IĜU mi ne ofte menciias niajn (eksajn) funkciulojn el la Asocio, tamen ili forte subtenas tiun ĉi laboron per efikaj agadoj. Ili surprenas multajn devojn kiel peri informojn, ekspluati lego-kanalon, prezidi kunvenon de Ĝemelaj Urboj kaj prezenti ideojn. Post dissendiĝo de ĉiu numero de IĜU mi ricevas el ili reagojn kiuj enhavas korektojn, proponojn, inspirojn ktp. Mi sentas plezuron labori kune kun ili. S-ino Maritza Gutiérrez González ne aperas en listo de salutmesaĝoj, tamen ŝi ĉiam konsideras verki ion por la jubileo de la projekto, sed kelkaj malfacilaĵoj (forpaso de ŝia patro, malsaniĝo de ŝi kaj ŝia patrino) implikas ŝin kaj ne povas fari tion. Aliaj samideanoj laborantaj/intaj en la Asocio entuziasme helpas/is la projekton. S-ino Claude Nourmont respondis demandojn de esperantistoj kaj aperigis priajn informojn en la reto; En Biblioteko Hector Hodler s-ro Ziko Van Dijk (la antaŭa Ziko Marcus Sikosek) trovis valoran informon pri Esperanto kaj ĝemelaj urboj, s-ro Ralph Schmeits registris IĜU por la elektronika kolekto; S-ro Roy McCoy partoprenis en la reta diskuto inciatita de la komisiito pri la unua paro da ĝemelaj urboj. Nelonge s-ino Barbara Pietrzak en interreto instigis polajn esperantistojn uzi la okazon de la 10-jariĝo de la projekto kontakti min.

Leginte tiujn ĉi salutmesaĝojn mi vere estas kortuŝita, mi sentas forton. Inter ili estas mesaĝo el s-ro Cvi Löwenkopf en Israelo. Kvankam ĝi nur havas kelkajn vortojn, tamen mi scias ke ĝi estas elkora voĉo el maljunulo kun 75-jara Esperanto-sperto. La projekto alfrontas multajn malfacilaĵojn, havas nekontentigajn flankojn je laboro, ne povas krei rimarkindajn atingojn kiujn oni esperas kaj atendas, sed mi opinias ke la projekto estos plena de espero, eniros en la internacian socion kaj ludos efikan rolon en la estonteco, ĉar ĝi havas potencan apogilon - vastaj esperantistoj, ĉar Ĝemeligante per Esperanto urbojn malproksimajn ĝi kontribuas al proksimigo de iliaj loĝantoj, elemento de la “rondo familia” kantata en la himno kiel antaŭe diris d-ro Louis-Christophe Zaleski-Zamenhof en siaj salutvotoj al IĜU. Estimataj esperantistoj, tial mi sincere esperas ke vi povas daŭrigi proponadon, partoprenadon kaj praktikadon por realigi la revon kaj idealon de la projekto, kaj bonvole akceptu miajn bondezirojn al vi: sanon kaj feliĉon.

Wu Guojiang